2/2014, MAJ, N-RO 25

# La Amsterdama Katedro

## Instrui Interlingvistikon kaj. . .

*En ĉi-tiu numero la unua periodo de mia katedruleco estas prezentita (Feb-Apr 2014). Kiel ofte okazas kiam nova sperto komenciĝas, multaj praktikaj aferoj devis esti solvitaj. Ĉiukaze, la bulteno prezentas faktojn kaj rezultojn de la agado mem, preteratentante praktikaĵojn. La prezentado sekvos la skemon kiu estis enkondukita en n-ro 24: unue agado ĉe la Universitato (didaktike, esplorade kaj informade) poste la agado Movade, ĉiam rilate al la katedro. Aparta atento estos dediĉiita al mia unua kurso pri Interlingvistiko. Foto, maldekstre: la ŝildo flanke de la pordo de mia ĉambro en Bungehuis-palaco, Spuistraat 210, Amsterdamo.*






## Mia unua kurso en Amsterdamo

de F. Gobbo

La plej grava tasko de la katedrulo estas doni la du kursojn pri Interlingvistiko[1] kaj Esperanto. Por tion fari, li uzis la 23-kilograman bagaĝan limon de KLM por porti tien kaj reen la oportunajn librojn por pretigi la tuton – vidu foton dekstre. La kurso pri Interlingvistiko okazis en la unua bloko de la dua semestro de ĉi-tiu akademia jaro (Feb-Mar 2014): 7 semajnojn enklase plus 1 semajno por ekzamenoj, po 4 horojn semajne (2x2), laŭ la interna Fakultata regularo. Aliĝis virtuale 7 studentoj sed nur 4 prezentiĝis enklase dum la unuaj semajnoj. El ili, unu sekvis la kurson pri Esperanto dum la unua semestro.



La kurso estas en la angla. Tio signifas, ke la katedrulo adaptis la materialon vene de la sperto en Torino ne nur enhave – ĉar la temoj de la du kursoj similas sed ne identas – sed ankaŭ lingve. Ne estas lernolibro pri la fako en la angla, kaj do la materialo uzata en la klaso estas ĉefe kolekto de fakartikoloj publikigitaj laŭ la samrangula sistemo. Krome, estas kelkaj aliaj aldonaj materialoj. El la kolekto, estas du tipoj de artikoloj: klasikaj kaj freŝdataj, elektitaj laŭ intereso. El la unua grupo, menciindas la klasika artikolo de Kloss (1993), originale publikigita en 1967, pri la fundamenta distingo inter aŭsbaŭ- kaj distanco-lingvoj. El la dua, mi ŝatas mencii interesan artikolon de Gazzola & Grin (2013) pri evoluado de la lingvopolitiko de EU laŭ ekonomia vidpunkto.

Estas grave por studentoj aliri al konceptoj de la primaraj fontoj, t.e. la homoj kiuj inventis ilin: kompreneble, la rolo de la docento estas klarigi ilin enklase, por faciligi la studadon. Ekzemple, bitversio de la fama letero

[1] La kompleta nomo estas *Introduction to Interlinguistics*, Enkonduko al Interlingvistiko.

de KARTEZIO al MERSENNE pri la ŝancoj de universala lingvo aŭ bitlibro de la klasika verko de COUTURAT kaj LEAU *Histoire de la langue universelle* (Hachette, 1903) estis metita en la mastruma sistemo *Blackboard*, kiel aldona materialo.[2] Tio signifas, ke ili ne devas studi ilin ĝisfunde, sed ili povas facile trarigardi ilin laŭoportune, samkiel enciklopedio aŭ vortaro.

Lumbildoj (vidu foton sube) de la kurso estis kreitaj per tuŝtelefono: tiel, studentoj memoras kion oni diras enklase specife por ili pli facile kaj volonte.[3]




Krom studi la materialon, estis kelkaj taskoj farendaj dum la ĉeesto de la kurso. Kelkaj estis personaj, unu grupa. La plej grava persona tasko havas formon de mallonga eseo, kiu priskribas propran lingvan repertuaron en la terminoj kiuj estis enkondukitaj en la kurso, ĝis la tria generacio – t.e., la avoj. Unu el la studentoj aparte trovis la taskon interesa kaj petis permeson havi pli da tempo por profundiĝi. Alia tasko estis trovi retejojn kie estas uzata la vorto 'interlingvistiko' kaj enmeti la retejon en klasifikadon antaŭe prezentita enklase – kompreneble, la prijuĝo de la taskoj dependas kaj de la kvalito kaj de la (mal)facileco de la stako mem.



Ĉiukaze, la plej malfacila tasko estis la grupa: plani lingvon por fikciaj celoj – vidu bildon supre, el la prezento de la gestudentoj. Ili devas plani lingvon baze de specimeno prenita el romano fantasta aŭ fantascienca de ili elektita el fiksa listo, samkiel estus televid-entreprenisto kiu volus produkti kompletan serion. Estis nur unu grupo ĉi-jare, kaj la grupo elektis la drakan lingvon apartene al la universo de *Eragon*, furora fantasta romanserio aŭtore de Christopher PAOLINI. La tasko timigis iomete la studentojn, kiuj konsideris ĝin malfacila, kaj do je la fino de la kurso ili prezentis ĝin nur neoficiale.[4]

Estis du testoj dum la kurso, unu je la mezo, la aliaj je la fino – vidu Figuron 1. Ambaŭ devas esti pozitivaj por trapasi la ekzamenon. Temas pri demandoj, duone malfermitaj, duone fermitaj, por kontroli se la nocioj kaj kernaj konceptoj de la kurso estis komprenitaj. Ĉiuj studentoj sukcese trapasis la ekzamenon en la oka semajno.

La venontan akademian jaron Interlingvistiko okazos la unuan semestron (Sep-Okt 2014), dum Esperanto estas planita por la dua semestro (Feb-Mar 2015).

## Didaktikaj agadoj krom Interlingvistiko

de F. GOBBO

NEATENDITE, estis kelkaj aliaj didaktikaj taskoj krom la kurso. Unue, estos prezentitaj la agadoj internaj al la Universitatoj, poste la kunlaboraj kaj fine la eksteraj.

*1. Plano konstrui MARK-kurson*[5].
La katedrulo kontaktis la oficejon pri distanca lernado por ebligi al homoj aliĝi nur al la kurso pri Interlingvistiko per speciale tajlorita studprogramo, kadre de la ĝenerala programo de la Universitato. La akcepto de la MARK-kurso estas nun sub la prijuĝo de la koncerna komisiono de la Universitato, ĉar jeskaze temus pri nebagatela buĝeta investo fare de la Universitato mem. La katedrulo substrekis, ke la kurso pri Interlingvistiko estas sufiĉe originala en la internacia panoramo kaj tio povus altiri studentojn, eĉ se ne neniu pensas vere pri 'amaso' da partoprenantoj, malgraŭ la akronimo MARK.

*2. Tezo-propono por magistraj studentoj en lingvistiko.*
La Departmento de Lingvistiko petis al ĉiuj profesoroj proponi mallongan tezon postulanta 8 semajnojn de esplora laboro (12 kreditpoentojn, 366 horojn). Temas pri esplora projekto kune kun supervizoro – la profesoro proponanta. Ideale, la fina laboro estos publikigebla en formo de fakartikolo (maks. 40 paĝojn). Estas du proponoj en la listo pri Esperanto elekteblaj fare de la

[2]En interreto multaj el tiuj materialoj estas libere alireblaj, speciale kadre de Universitataj retkonektoj; laŭnecese, permeso uzi la materialon estis ĉiam petita al aŭtoroj, kaj averto al la studentoj ne divastigi kopirajtan materialon aperis super la ligo klakenda por deŝuti la materialon mem.

[3]Plurjara sperto montras, ke apriore faritaj lumbildoj estas ne tiel efikaj por la studado, ĉar studentoj simple preteratentas la klason, pripensante, ke sufiĉas legi la lumbildojn poste. Male, tiel, oni povas esti pli fleksebla pri la enhavo de la leciono mem.

[4]Estos interese al mi kompari estontece la laborojn de la Torinaj kun la Amsterdamaj student-grupoj.

[5]MARK signifas Mult-Amasa Reta Kurso; temas pri proponata esperantigo de la anglalingva esprimo *MOOC*.

magistraj studentoj, unu de la katedrulo, la alia de la antaŭulo, kiu estas Emerita Profesoro de la Universitato. Neniu kontaktis la katedrulon pri ĉi-tiu tezo. La propono validos ĝis kiam iu plenumos aŭ la proponinto reprenos ĝin.

*3. Propono pri kurso por nacia lernejo por doktoraj studentoj.*
La direktoro de ACLC[6] AProf Rob SCHOONEN sugestis al la katedrulo skribi proponon pri kurso por la Nederlanda lernejo de doktoraj studentoj. Estas neniu garantio, ke la Komisiono estu interesita en la propono mem, kiu restas aktiva ĝis akcepto.

*4. Akordo kun Universitato Adam Mickiewicz per Erasmus+.*
Post invito de OProf Ilona KOUTNY en Poznano por la Interlingvistikaj Studoj, la katedrulo sugestis krei firman ligon inter la du Universitatoj per EU-mono pere de la programo Erasmus+. Tio antaŭvidas mallongan vizitojn (po 1 semajno) inter membroj de la du Fakultatoj pri Humanistiko. Estas antaŭvidita vizito de la katedrulo al Poznano en Sep 2014 okaze de la relanĉo de la trijara studprogramo pri Interlingvistiko estre de Ilona KOUTNY mem.

*5. La kunlaboro kun Liverpolo.*
La tritaga *Esperanto Masterclass* okazis dum la oka semajno de la kurso, t.e., dum la ekzamenoj. Pro tio, neniu el la kvar studentoj de interlingvistiko partoprenis la eventon. Tamen, partoprenis kelkaj studentoj de la antaŭaj jaroj kaj 3 studentoj el Torino (vidu foton de Torina studentino kun diplomo, fotis Peeter AITAI). Laŭ deklaro de la Departmentestro ĉe la Universitato de Liveropolo, OProf. Chris HARRIS, la evento estis plena sukceso kaj estas planita dua evento en 2015.[7] Tio signifas, ke por la eldono de 2015 la katedrulo respondecos pri la du nuntempaj kunlaboraj Universitatoj, t.e. Amsterdamo kaj Torino (se ĉi-lasta estos konfirmita, kiel atendite).



*6. Magistra tezo pri Esperantologio en Torino.*
Magistra studentino Irene CALIGARIS sekvis la kurson pri Interlingvistiko kaj Esperantologio estre de OProf Fabrizio A. PENNACCHIETTI kelkajn jarojn antaŭe kaj kontaktis la katedrulon pro deziro verki tezon pri Esperanto. Ŝi akceptis la proponon intervjui Esperanto-parolantojn ĉe Internacia Junulara Festivalo en Kastel'sarda, Italio, dum la Paska periodo.[8] La intervjuoj celas koni la alirojn al multlingvismo de Esperanto-parolantoj, por kompreni kiamaniere la aliroj ŝanĝiĝas en homoj kiuj uzas praktike la lingvojn en kunvenoj. Nuntempe oni estas en la fazo de analizo de la surloka laboro.

*7. Doktoriĝo en Dublino.*
Mi estis vokita de AProf Stephen BARRETT (Dublino)[9] por ekzameni doktoran disertaĵon de la kandidato Luca LONGO – kiu estis mia studento ĉe Varezo (Insubrio, Italujo) kelkajn jarojn antaŭe. La temo ne rilatas la Amsterdaman Katedron sed la homa-maŝinan interfacon. Spite al tio, mi akceptis ĉar tio povas iĝi komenco de internacia kunlaborado inter la du Universitatoj. La defendo okazos antaŭ la somera paŭzo kaj la kostoj de la vojaĝo kaj eventuala tranoktado estos repagitaj de *Trinity*.

## Esploraj agadoj: rezultoj post tri monatoj

de F. GOBBO

LA KATEDRULIĜO oficiale okazis en Feb 2014, kaj ĉi-tiu sekcio raportas pri la rezultoj atingitaj en ĉi-tiuj tri monatoj, sed parte preparitaj antaŭe, jam en la transira periodo (ekde Apr 2013). Kiel kutime, la rezultoj de proponitaj manuskriptoj postulas iom da tempo, kaj ofte respondeculoj malfruas por multaj kialoj. Tio estas la kazo de la ĉapitro en manlibro pri leksikografio eldone de Springer, jam menciita en la antaŭa n-ro 24 de ĉi-tiu bulteno. Alia kazo estas manuskripto por speciala numero de *Language Policy* pri lingvopolitiko de Esperanto kaj religio. En la sekvo, nur rezultoj estos menciitaj.

*1. Komuniko ĉe LPP2014 kadre de aparta temaro.*
La plej grava konferenco de la jaro mondskale pri Lingvo-Politiko kaj Planado (LPP) okazos en Sep 2014 en Kalgario. La katedrulo prezentis komunik-

[6] ACLC signifas Amsterama Centro pri Lingvo kaj Komunikado, kie la katedrulo aliĝas por la esplora parto de sia laboro ĉe la Universitato.

[7] Li deklaris per retmesaĝo la 8-an de Apr: 'From my point of view as Head of Department, the event was an organisational and intellectual success of the first order. It has demonstrated highly effective collaboration between the University of Liverpool and the international community of Esperantists. Thanks are due on both sides, of course, though the managerial contribution from Tamara has been one of sustained excellence richly deserving of this written praise. The event has also evidenced a significant public engagement with the language and cultures of Esperantism, with a strong attendance that augurs well for ongoing activities and new initiatives. Here, the constant hard work, enthusiasm and knowledge of our Esperantist colleagues must be applauded.'

[8] La konstanta retejo de la Festivalo estas: http://iej.esperanto.it/ijf/.

[9] Li estas la direktoro de la magistra kursaro en informadiko ĉe *Trinity College Dublin*.

proponon kadre de difinita temaro kun la sekvaj kolegoj: László MARÁCZ (Amsterdam); François GRIN (Ĝenevo); Rudi JANNSENS (Libera Universitato Bruselo), Vizi BALÁSZ (Corvinus). La temaro estis akceptita, kaj do ankaŭ la propono de la katedrulo. Momente ankoraŭ ne klaras, se la Kuratoraro decidos akcepti la projekton partopreni al LPP2014 aŭ ne.[10] Kaze de nepartopreno, la komuniko estos forigita de la programo.

*2. Komunikoj ĉe konferenco pri komputebleco en Budapeŝto.*
La katedrulo proponis du komunikojn ĉe *CiE 2014*[11] jam menciitaj en la antaŭa n-ro 24 de la bulteno. Ambaŭ komunikoj estis akceptitaj. Aparte menciinda estas la komuniko pri la rilatoj inter gravaj figuroj de interlingvistiko kaj la ekesto de la unua moderna programlingvaĵo, nomita ALGOL. Ne klaras kiu prezentos la komunikojn, ĉu la katedrulo, ĉu la kunaŭtoroj.

*3. Invito partopreni al seminario RECODE.*
François GRIN (Ĝenevo) organizas seminarion kadre de iniciato *RECODE*[12] por trakti kompleksajn aspektojn de multlingveco en Kanado kaj Eŭropo. La katedrulo estas invitita partopreni al la evento en Junio, prezentante komunikon kiu poste iĝos ĉapitro de libro.

*4. Informado-kompetenteco en Esperanto ĉe Unesko.*
D-ro Forest Woody HORTON Jr. kontaktis OProf Fabrizio A. PENNACCHIETTI por havi kontribuon pri Informado-kompetenco[13] in Esperanto, kiun la katedrulo verkis laŭ la ricevitaj indikoj, kaj estis akceptita. La bulteno informos kiam ĝi estos publikigita.

*5. Invito kontribui al INDECS.*
OProf Humphrey TONKIN kaj Veronika POÓR, doktora studentino, invitis kelkajn fakulojn kontribui al speciala numero de *INDECS*[14] pri la fenomeno Esperanto kiel kompleksa sistemo. La resumo proponita de la katedrulo estis akceptita flanke de la invitintoj.

## Informado interna kaj ekstera

de F. GOBBO

INFORMADON ONI POVAS DISTINGI laŭ la celgrupoj. Ĉi-tie, mi prezentos unue la internajn agadojn, t.e., ene de la universitato, poste la eksteraj. La Movada agado estos traktita en aparta Sekcio sekve.

*1. Ekspozicio de la Esperanto-libro.*
La inaŭguro de la ekspozicio (13 Mar) estis sukcesa: partoprenis ne nur esperantistoj sed ankaŭ diversaj kolegoj de la Universitatoj, studentoj de la itala – kiuj eble sekvos la kursojn de la katedrulo en la venontaj jaroj – kaj Carolina MONTESSORI, kune kun kolegino de AMI[15], por priparoli iomete eblan plilarĝigon de la pilota eksperimento ĉe Montessori bazlernejo en Milano, jam menciita en la bulteno n-ro 24. La ekspozicio daŭris preskaŭ 2 monatojn, ĉar mi kunportos la librojn de UEA okaze de Malferma Tago (10 Maj).[16] Dum la ekspozicio fojfoje mi ĉiceronis por akademiaj gastoj, tiel, ke oni povas ekkompreni pri kio okupiĝas la katedro.

*2. Prelego ĉe bonveniga sesio al Universitatanoj.*
Mi estis invitita de la Oficejo Komunikado (*Bureau Communicatie*) priparoli mian laboron kiel profesoron antaŭ profesiuloj en bonveniga sesio por freŝbakitaj Universitatanoj, kiu estis enkondukita de la *rectora magnifica* Dymph VAN DEN BOOM. Tio okazis la 18-an de Marto. Post tio, la MARK-kurso iĝis konkreta ŝanco. Vidu la programon en Figuro 2.

*3. Kunlaborado al Lingvistika Bibliografio BRILL.*
Danke al kolegino AProf-ino Hella OLBERTZ, mi havis la ŝancon iĝi kontribuanto al grava lingvistikaj bibliografio de eldonejo BRILL, respondeca por la sekcio pri planlingvoj. Temas pri unu el la malmultaj prestiĝaj lingvistikaj bibliografioj ekzistantaj tra la mondo, publikigita sub la aŭspicioj de Unesko dum pli ol 65 jaroj.[17]

*4. Kontakto kun nederlanda lingva oficisto de EU.*
Emerita OProf Wim JANSEN donis al mi la kontakton de la lingva oficisto (*language officer*) de la Eŭropa Komisiono Hugo KE-

[10] Laŭ interkonsento inter UEA kaj la Universitato, ĉiujare estas je dispono 20 mil eŭrojn por la katedro. Duono el ili estas rezervitaj al specifaj projektoj laŭ prezento de la katedrulo kaj prijuĝo de la Kuratoraro.
[11] Ĝi signifas Kumputebleco en Eŭropo kaj temas pri la mondskale pli grava konferenco pri la temo ĉiun jaron. Pli detaloj ĉe la anglalingva retejo: http://cie2014.inf.elte.hu.
[12] Detalojn ĉe la oficiala retejo: http://www.recode.info.
[13] Informado-kompetenco estas traduko de la anglalingva esprimo *Information Literacy*, baze de la germana traduko. Ĉi tiu nova fako estas aparte subtenata de Unesko, kiu organizas konferencojn kaj publikigas gvidliniojn – vidu ekzemple Scott (2009).
[14] Temas pri fakĵurnalo dediĉiita al priskribo de kompleksaj sistemoj. Detaloj haveblas ĉe la retejo: http://indecs.eu.
[15] AMI signifas Asocio Montessori Internacia. La laborlingvo de la asocio estas la angla, kaj la sidejo estas en Amsterdamo, kie Maria Montessori vivis en la lastaj jaroj de sia vivo.
[16] Miko KUIJN, prezidanto de la Nederlanda Esperanto-Kunularo, helpis al mi ĉi-rilate.
[17] Aliaj detaloj pri la lingvistika bibliografio legeblas ĉi-tie, en la lingvoj angla, franca kaj germana: http://bibliographies.brillonline.com/browse/linguistic-bibliography.

 CITAˆjOJ

IZER, kiu ŝajnas esti interesita al la temoj de la katedro. Estas planita persona renkonto ie en Nederlando.

*5. Artikolo pri la Ekspozicio en Folia Web.*
En 26 Mar aperis, tute neatendite, artikolo en la nederlanda ĉe *Folia Web*, magazeno tre legata de la studentoj de la Universitato, pri la ekspozicio ĉe la Universitato kaj do Esperanto.[18]

*6. Ĉiĉeronado en Milano al studentoj de Amsterdamo.* El la Amsterdamaj studentoj de la itala, estas studgrupo nomita *Convivio*, kiu organizis vojaĝo en Milano kaj Torino komence de Majo. La katedrulo helpis al ili donante la kontaktojn de (eks)studentoj vivantaj en Milano, Torino, aŭ proksime kaj invitis profesiulon por ĉiĉeroni ilin tra Milano (1 Maj). Poste okazis agrabla kunpicumado.

## La katedrulo Movade

de F. GOBBO

UNU EL LA NIVELOJ de agado Movade estas urba. Antaŭ la katedruliĝo mi jam interkonatiĝis kun la lokaj esperantistoj kaj kun la neformala grupo La Amsterdama Rondo. Mi partoprenis dufoje al la monata kunveno – unufoje kiel preleganto, prezentante mian laboron pri la katedro.[19]




Danke al kunlaboro kun Miko KUIJN, prezidanto de NEJ, kiu pretigis simplan sed efikan logotipon de La Amsterdama Rondo preskaŭ hazarde (vidu foton), la katedrulo malfermis Fejsbukan paĝon, post interkonsento kun la aliaj rondanoj, por pludisvastigi la agadon de La Amsterdama Rondo: tuj la paĝo ricevis diversajn ŝatojn de homoj dise tra la mondo, aparte kiam novaĵo pri la temo de la venonta kunveno estas anoncita.

Je la nacia nivelo, la katedrulo akceptis inviton partopreni kaj prelegi ĉe kongreso en Utrecht okazonta en Junio, en la semajnfino post *RECODE* en Ĝenevo kaj antaŭ *CiE2014* en Budapeŝto.[20]

Je la internacia nivelo, la plano pri artikol-serio pri Interlingvistiko efektiviĝis, kaj baldaŭ aperos la unua artikolo. Jen la anonco de la serio ĉe *Esperanto* 1280 (5), majo 2014, p. 104:



**Artikol-Serio**

**Interlingvistiko por Esperantistoj**

En 1914-1915 René de Saussure, unu el niaj pioniroj, iniciatis la lingvosciencan studon de nia lingvo, kaj tiam fakte komenciĝis nova fako, nome interlingvistiko, kies celo estas la komparo de diversaj internaciaj helplingvoj. Nia revuo festas la centjariĝon per artikol-serio unu jaron longa, kiu enkondukas interlingvistikon al esperantistoj. Redaktas la serion prof. Federico Gobbo (Universitatoj de Amsterdamo kaj Torino). La artikoloj estas fakaj sed leĝer-stilaj, kun bibliografio kaj sugestoj por ke lernemaj esperantistoj profundiĝu en la studadon de tiu gravega fako. Efektive, ili ankaŭ utilos por aktivuloj, kiuj interesiĝas pli pri disvastigo de E-o, sed ne tiom pri lingvoesploroj. Kial? Ĉar multaj argumentoj kontraŭ E-o havas kvazaŭlingvosciencan bazon. Nia legantaro estas invitata krei lokajn studgrupojn por kolektiva lernado. Ĉiuj grupoj kreitaj estos anoncitaj en la venontaj numeroj de la revuo Esperanto. En Fejsbuko aliĝu al la grupo Interlingvistiko por Esperantistoj.
https://www.facebook.com/interlingvistiko

# Citaĵoj


Gazzola, M. & Grin, F. (2013), 'Is elf more effective and fair than translation? an evaluation fo the eu's multilingual regime', *International Journal of Applied Linguistics* **23**(1), 93–107.

Kloss, H. (1993), 'Abstand languages and ausbau languages', *Anthropological Linguistics* **35**(1/4), 158–170. Unue publikigita en 1967, samloke.

Scott, M. (2009), *Guidelines for broadcasters on promoting user-generated content and media and information literacy*, Commonwealth Broadcasting Association. En la angla, franca, rusa, araba, hispana.


[18] La artikolo legeblas ĉi-tie: http://www.foliaweb.nl/cultuur/tentoonstelling-over-esperanto-in-bungehuis/.
[19] Lumbildoj estas rigardeblaj ĉi-tie: http://www.slideshare.net/goberiko/vene-al-nederlando-labore-por-esperanto.
[20] Pri la detaloj, vidu la retejon: http://www.esperanto-nederland.nl/.

 CITAˆjOJ

7. What does "language ecology" mean for Phillipson & Skuttnab-Kangas?

(*use only the space provided*)

Economically speaking English as world lang (all translations in Eng) would be cheaper, but when looking at the bigger picture (culturally & identity-wise) the loss would be bigger → Ecologically speaking cheaper to translate in own L1

8. To which reference belongs the following extract? (*cross the right box below*)

"[...] But, in the same manner as diplomatists have a universal or common language for their international dealings, scholars, travellers and merchants would also find a great advantage in possessing a simple and practical means of communication, not only with the different peoples of Europe, but with all the civilized nations of the world. [...] Let a universal language become adopted and the situation is completely changed; the same traveller can visit the most widely different countries, the same commercial journal can be read and understood in all the centres of production and consumption, and the prices of a London or Paris house will be commented upon by the merchants of Pekin, Yeddo, Madras, as well as by those of Alexandria, Costantinople and Moscow!"

- ☒ Wilkins, George (1668). *An Essay towards a Real Character, and a philosophical language*. London.
- ☐ Dr. Esperanto (1888). *Dr. Esperanto's International Tongue*. Warsaw.
- ☐ Kerkshoff, Auguste (1887). *Abridged grammar of Volapük*. Chicago.
- ☐ Russell, Bertrand (2001). *Correspondance sur la philosophie, la logique et la politique avec Louis Couturat (1897-1913)*. Édition et commentaire par Anne-Françoise Schmid. Transcription et notes sur la langue internationale par Tazio Carlevaro. Paris.
- ☒ American Philosophical Society (1888). *Supplementary Report of the Committee Appointed to Consider an International Language*. Read before the APS. Dec. 7, 1888.

---

1. Which of the following sentences about Ludwik Lejzer Zamenhof are true? (*T = true; F = false*)

a. Zamenhof was a Polish oculist. He wanted to save the world through a universal language. T
b. In his early years, Zamenhof tried to Ausbauize Yiddish for Jews, before to plan Esperanto. T
c. Esperanto should be the vehicle of a new Jewish identity, alongside of a reformed Judaism. T
d. Zamenhof left Zionism after the First Aliay in 1881, offering his program to every people. T
e. In his Appeal to the Diplomats, Zamenhof invoked a World Government of World Citizens. F

2. What does *fina venko* mean? How is it discussed by Esperantists now? (*use only the space provided*)

It means final goal, which consists of spreading Esperanto-idea to the whole world. Nowadays Esperantists more or less focus on internal cohesion of the group of Esperantists.

Figuro 1: Ekstraktoj el la testoj de la studentoj

 *CITAˆjOJ*



UNIVERSITEIT VAN AMSTERDAM

## Introductory Session new UvA staff

**March 18, 2014**
**Room 21 Maagdenhuis**

## Programme:

| | |
|---|---|
| 09.00 - 09.45 | A word of welcome and introduction by Marlous Mollee, UvA Communications Office |
| 09.45 - 10.30 | Discussion with Rector Magnificus, Prof. Dymph van den Boom, on current UvA policies |
| 10.30 - 10.45 | Short break |
| 10.45 - 11.30 | Prof. Dr. Federico Gobbo, professor of Interlinguistics and Esperanto, will speak about his job |
| 11:30 – 12:15 | A short history of the UvA, followed by a guided tour through the 'Maagdenhuis'. |
| 12.15 - 13.15 | Lunch at the Amsterdam Academic Club |



Figuro 2: La programo de la bonveniga sesio